2.ª Ep. AÑO XII N.º 67 (203) MAYO - JUNIO 1974

Boletin

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# VALLADOLID KONGRESURBO POR 1974




Preĝejo «Santa María la Antigua»

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Arturo Soria, 192, 3.°-D
MADRID-17

Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.° 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.°, des. 7
MADRID-15

Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## DONATIVOS PARA BOLETIN - 1974

| | Pesetas |
|---|---|
| *Suma anterior* | 1.200 |
| Nonato Almeida (Portugal) | 30 |
| Antonio Vilhena (Portugal) | 30 |
| Antonio Marco (Zaragoza) | 25 |
| Salvador Morales (Zaragoza) | 25 |
| Francisco Crespo (Zamora) | 150 |
| A. Bernaldo de Quirós | 200 |
| Adonis González | 50 |
| Alberto Sánchez | 50 |
| Ernesto García | 80 |
| Félix Gómez | 100 |
| E. Calvet | 50 |
| José M.a Serés | 100 |
| J. Arroyo | 100 |
| M. Ruiz Maza | 50 |
| Pedro Alcedo | 50 |
| S. Manrique | 185 |
| J. Moretó | 100 |
| F. Alsina | 100 |
| M. Alsina | 100 |
| J. Roig | 100 |
| Agustina Roca | 100 |
| C. Segura | 100 |
| Antonio Griach | 500 |
| L. Fort | 100 |
| Antonio Bohigás | 100 |
| Dolores Brugués | 75 |
| Conrado Berghänel | 100 |
| P. Gil | 50 |
| S. Vidal | 50 |
| J. Guitart | 50 |
| A. Gomila | 50 |
| Esp-Fako Fomento Martinense | 100 |
| A. Díez | 50 |
| A. Pons | 50 |
| Jaime Aragay | 100 |
| Manuel Elézcano | 100 |
| S. P. Arranz | 50 |
| M. Díaz | 50 |
| V. Martín | 50 |
| R. Ibáñez | 50 |
| A. García | 100 |
| J. Martínez | 100 |
| Carmen Argemí | 100 |
| Vicente Tarín | 25 |
| R. Canet | 200 |
| S. Gumá | 50 |
| J. Sardá | 50 |
| Vidal Fernández | 50 |
| A. Pastor | 50 |
| F. de Urmeneta | 150 |
| Eduardo Larrouy | 50 |
| Tomás Apraiz | 50 |
| C. Gutiérrez de Apraiz | 50 |
| Pedro Zurita | 50 |
| *TOTAL* | 5.825 |

# ANTAŬ LA XXXIVa HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



**Iom pri la Kongresurbo KOLEGIO Sta. GREGORO (Nacia Skulptarta Muzeo)**

Belega artkonstruaĵo de la lastaj jaroj de la XV^a^ jarcento, ĝi estas konsiderata kiel unu el la plej gravaj monumentoj de la gotika stilo.

La episkopo Alonso de Burgos, Konfesigisto de la Reĝino Elisabeto la 1^a^ de Kastilio, ordonis konstrui ĝin kiel stud-centron por malriĉaj religiuloj. Inter la famaj religiuloj studintaj tie-ĉi, ni povas mencii P. Las Casas, Melchor Cano, ktp.

El arta vidpunkto ni povas admiri unue ĝian mirindegan fasadon kiu konsistas el ŝtofo kun vimenvergoj kaj trunkoj plektitaj per zonoj formantaj grandan trifolian arkaĵon; malsupre de ĝi troviĝas la enirpordo kun tri blokoj el granito ornamitaj per floroj liliaj kaj krucoj de la religia ordeno dominika. Sur la du kapiteloj sub la arkaĵo estas reprezentata la fondinto oferanta la fondiĝon de la Kolegio al Sta. Gregoro. Ambaŭflanke de la arkaĵo oni vidas figurojn luktantajn kontraŭ fantazia besto kaj sur ili du anĝelojn kiuj subtenas la armblazonojn de la fondinto kaj du klabulojn vestitajn en dalmatikoj de la epoko de la Katolikaj gereĝoj.

La centra korto, mirinda ekzemplero en sia speco, vere meritas ke vi konu kaj admiru ĝin. Parteto de ĉi-tiu korto, estas motivo de la afiŝo por anonci la XXXIV^a^ Hispanan Kongreson de Esperanto. Fine, la kapelo de gotika stilo posedas altaron el blanka marmoro.

Tie-ĉi estas instalita nuntempe la Nacia Skulptarta Muzeo, la plej fama muzeo en sia speco en la tuta mondo. Berruguete, Gregorio Fernández, Juan de Juni, Pedro de Mena, krom aliaj skulptistoj estas nomoj ligitaj al buntaj skulptaĵoj, kiujn la vizitantoj povas nuntempe admiri. Sta. Sebastiano, belega skulptaĵo kreita de la genia kastilia skulptisto Berruguete, montras kiel, el senviva ligno, oni povas krei preskaŭ vivantan estaĵon. Gregorio Fernández havas ĉi tie diversajn religiajn skulptaĵojn kaj kelkaj el ili estas uzataj en la procesioj okaze de la Sankta Semajno. Inter la skulptaĵoj de Juan de Juni videblaj en la Muzeo, ni devas mencii "La entombigo de Kristo", kiu bone reprezentas la barokan stilon. La Magdalena de Pedro de Mena estas alia skulptaĵo kiu certe altiras la atenton de ĉiu kiu vizitas la Muzeon.

Dum vi vizitos la urbon, nepre vizitu tiun mirindan Muzeon, vera juvelo de la arto kaj de la historio.

*L. Hernández*
**Valladolid**

# NOTA DE LA SECRETARIA

La Junta Directiva de la Federación Española de Esperanto, en su reunión ordinaria de 21 de marzo de 1974, realizó el escrutinio de los votos recibidos correspondientes a la candidatura propuesta para efectuar los cambios necesarios en la Junta Directiva y según el acuerdo de la Junta General de la Federación, celebrada en Madrid, el día 24 de julio de 1973.

RESULTADOS OBTENIDOS

| | |
|---|---|
| Votos recibidos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 204 |
| Votos nulos ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2 |
| Votos a favor de D. Félix Gómez Martín como Vicepresidente ... | 202 |
| Votos en contra de D. Félix Gómez Martín como Vicepresidente ... | 0 |
| Votos a favor de D. H. L. Figuerola Palomo como Vicesecretario. | 201 |
| Votos en contra de D. H. L. Figuerola Palomo como Vicesecretario. | 1 |

Visto el resultado fueron elegidos:

VICEPRESIDENTE: D. Félix Gómez Martín

VICESECRETARIO: D. H. L. Figuerola Palomo

Asimismo, en virtud del acuerdo de la Junta General, D. José M.ª González Aboín pasa a desempeñar el cargo de Secretario.

Igualmente queda reelegido Vocal de la Federación D. Víctor Ortiz Gratal.

Lo cual tengo el honor de poner en conocimiento de los señores socios de la Federación.

Madrid, 23 de marzo de 1974.

El Secretario de la Federación,
*Manuel Figuerola Palomo*

---

# BIBLIOTECA-ARCHIVO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Habiendo decidido encuadernar algunas de las colecciones de revistas existentes en nuestro archivo, y deseando que en primer lugar quede encuadernada la colección completa de BOLETIN, base de esta biblioteca, ruego a todo aquel que pueda facilitar alguno de los números siguientes, lo envíe a BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO, para su biblioteca.

Números que faltan: 1-2-4-8-9-10-12-13-14-15-17-18 y 19. Todos estos números corresponden a los años 1949 y 1950.

Como todos sabéis, la biblioteca de la Federación es la única perteneciente a todos los esperantistas españoles y a la disposición de ellos está en todo momento; ayudad, pues, todos, a que esta realidad conseguida gracias al trabajo y la magnanimidad de unos pocos, alcance la meta que todos deseamos para nuestra Federación y sus Instituciones.

*Inés Gastón*

---

# ALVOKO AL LA PLEJ MALJUNA HISPANA ESPERANTISTO

Biografietoj de pluraj el niaj pioniroj aperis en BOLETIN, sed, je ĉi tiu okazo ni deziras koni la plej maljunan hispanan esperantiston kun bona posedo de Esperanto malgraŭ lia alta aĝo. Do, ĉiu maljuna esperantist(in)o bonvolu konigi al ni antaŭ la 10-an de julio 1974, la daton de sia naskiĝo kune kun tiu de sia esperantiĝo.

La venkinto estos proklamita pere de BOLETIN, kie aperos lia biografieto kaj portreto.

Bonvolu sendi la informon al S-ro Rafael Fiol Paredes, str. Siroco, 24, SEVILLA-12.

*Red.*

# 26-a IFEF-KONGRESO DE ESPERANTO

IFEF elektis por sia 26-a kongreso la hispanan mediteranean urbon Tarragona (85.000 enloĝantoj). La organizadon prizorgis la fervojista grupo Barcelona. La inviton sekvis 780 gekolegoj el 18 landoj. Efektive partoprenis la kongreson 648 homoj el 17 landoj.

La kongreso okazis sub aŭspicio de FISAIC (Internacia arta kaj kultura fervojista federacio). Flanke de RENFE (hispana ŝtata fervojo), flanke de la urbo Tarragona kaj flanke de la sindikato la kongreso ĝuis moralajn kaj materiajn subtenojn.

"Sindikata restadejo Edukado kaj Ripozo", situanta iom ekster la urbo, elektiĝis kongresejo. Krom konvenaj kunvenejoj, tiu restadejo en vasta parko, kun arboj kaj floroj, ebligis al kelkcento da kongresanoj loĝadon en feriaj dometoj. Komuna manĝado kaj loĝado sur nevasta tereno, brila vetero kaj sudlanda atmosfero, jen karakterizaĵoj de tiu manifestacio.

Por la Solena Malfermo LKK-prezidanto R. Giménez povis bonvenigi membrojn de la honora patrona komitato kaj aliajn aŭtoritatulojn. Salutis la kongreson oficiale, la urbestro s-ro Ricardo Vilar Guix, s-ro López, sekretario de la provinca estraro, kolonelo Murillo, kiel reprezentanto de la milita provincestro. Aparte afablajn vortojn esprimis la delegito de la sindikato, s-ro Cepeda. Nome de la ĝenerala direkcio de RENFE salutis s-ro José M. Fortuny, direktoro de la kvina distrikto en Barcelona. Post tiuj alparoloj en hispana lingvo, alparolis la kongreson en perfekta Esperanto kaj en vere amika senco s-ro J. Gilles, nome de FISAIC.

Jam komence de tiu solena kunveno kaj ree inter la oficialaj paroladoj "Laborista Universitato de Tarragona", folklore vestita, muzikanta kaj kantanta junularo, verve kaj ĉarme plezurigis okulojn kaj orelojn.

Plie salutis la kongreson s-ro A. Figuerola, prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio kaj nome de UEA s-ro R. Molera. Sekvis la impresa transdono de salutoj flanke de partoprenantoj el 17 landoj, de homoj kun 12 diversaj gepatraj lingvoj, en unusola interlingvo. IFEF-prezidanto J. Giessner per enhavoriĉa parolado malfermis la kongreson, dankante al la honoraj gastoj kaj la LKK. Li skizis la perspektivojn de nia interkomprenigilo kaj pledis por nepra daŭrigo sur neŭtrala vojo. Refoje la folklora grupo prezentis sin kun muziko kaj danco.

La urbestro de Tarragona, s-ro Ricardo Vilar Guix bonvolis akcepti kaj regali delegacion de cento da kongresanoj por interŝanĝo de salutvortoj kaj donacoj.

Riĉa festprogramo prezentiĝis al la gastoj. Dimanĉnokte, antaŭ la bela renesancstila urbodomo evoluiĝis unika Folklora Vespero kun kelkaj dancgrupoj, gimnastikistoj kanthoro kaj junaj atletaj viroj, kiuj formis ĝis 6-etaĝajn hompiramidojn. Tiun programon la urba konsilantaro dediĉis al la 26-a IFEF-kongreso.

En "Las Palmeras", ĉarma gastejo kun marvida teraso okazis la Bankedo. Frandaĵoj el la hispana kuirejo kaj kelo surtabliĝis, muziko bruadis kaj bonhumoro regis. En tiu festa kadro s-ro J. Gilles kun laŭdaj vortoj transdonis oran FISAIC-medalon al s-ro Otto Walder (Svislando), por honorigi liajn servojn en la IFEF-estraro. Per gaja dancado kaj babilado la anaro ĝuadis la postan Internacian Balon.

Dum la Arta Vespero "Bulgara Esperanto Teatro Sofio" prezentis la 3-aktan komedion "La rozoj" de Aldo de Benedetti. La artistoj, jam konataj el pli frua kongreso rikoltis meritan aplaŭdon, pro ilia elstara prezentado.

En Forumo, kun celo respondi demandojn de kongresanoj pri la kultura kaj ekonomia vivo de Hispanujo pri fervojaj kaj aliaj temoj lertaj hispanoj trafe respondis.

Sur faka tereno menciindas la Fakprelego pri "Evoluado de RENFE dum la lasta jardeko" prezentita de J. Cerezo. Temas pri la 10-jarplano por modernigo de la hispana fervoja reto.

La publika informado de la publiko pri la kongreso okazis antaŭkongrese pere de mil afiŝoj en gravaj stacioj. Al la radio LKK estis 4-foje vokita por intervjuoj kaj du lokaj gazetoj dediĉis po plenan paĝon al la 26-a. Dumkongrese aperis gazetaj artikoloj kaj disaŭdiĝis radio-intervjuoj.

La junularo, kies preferata kongresejo estis la proksima marbordo, kunes-

tadis ankaŭ por pikniko, por futbalmaĉo inter CF Tarragona kaj IFEF-teamo, ludoj kaj teatraĵoj, kiujn sekvis la Junulara Balo.

Kongreso devas ankaŭ solvi siajn taskojn. Tio okazis en Plenkunsido kaj en 2 Komitatkunsidoj. Unuanime reelektiĝis d-ro Bacskai ĉe UEA. Dum 1973 evoluiĝis pluen la bonaj rilatoj kun FISAIC, same kun ITF (Internacia transportlaborista federacio Londono) kaj kun UEA. Raporto de ĉefkomitatano K. Greutert substrekis la konstruan laboron de la IFEF-parlamento. Resumon pri la raportoj de la landaj asocioj verkis kaj laŭtlegis O. Walder. Tiu dokumento pri nia aktiveco ree trovis plenan aprobon. Dum la 59-a Universala Kongreso en Hamburg okazos fervojista tago. La DB-direkcio delegos aron da spertaj kolegoj por servi al la kongresanoj por prifervojaj informoj. La Plenkunsido akceptis la raporton pri Aarhus. La sekretariinan kaj kasistan raportojn. La komisionoj por fakprelegoj, terminaroj kaj junularo raportis pri siaj dumjaraj laboro kaj la dumkongresa kunsido. Elektiĝis kiel sekretario de la fakprelega komisiono O. Roesemann (Germanujo) kaj kiel sekretario de la terminara komisiono J. Ladjevic (Jugoslavio). Kongrespropono pri frutempa anoncado de jarkunvenoj akceptiĝis, alia pri kondiĉo por redukto por kongreskotizo rifuzita. La prezentita budĝeto estis akceptita kaj fiksita por 1975 kotizo de danaj kronoj 12,—. Kun maksimuma nombro da voĉoj elektiĝis estraranoj: prezidanto J. Giessner, vicprezidanto W.v. Leeuwen, sekretariino s-ino E. Kruse, kasisto H. Hauge kaj redaktoro G. Delaquaise. Gvidantino de la Junulara Sekcio fariĝis f-ino M. Merlani (Italujo). Kiel Kongresloko 1975 elektiĝis Villach (Aŭstrujo) de 11-17 majo kaj por 1976 elektiĝis Skellefteaa (Svedujo). Kol de Jong prezentis planon por varbado kaj d-ro Monabene pledis por subteno de klopodoj ĉe Socialista Internacio.

La bela, ĉemara regiono logis al banado kaj ekskursado. La unua veturo celis al Villafranca del Panadés kaj Sant Pau de Ordal, por inaŭguro de la ĉarma kaj riĉenhava novkonstruita Esperanto-Muzeo kun posta regalado flanke de la komunumo. Dua aŭtobusa ekskurso kondukis al Sitges kaj Villanueva y Geltrú, kie interesa vaporlokomotiva ekspozicio povis esti vizitata. Ankaŭ tie afabla akcepto de urbestro kaj regalado. Tria ekskurso, suden, laŭlonge de la marbordo kondukis al urbo Peñíscola. La tuttaga ekskurso komencis per vizito al urbo San Sadurní kun vizito al ĉampankelo "Codorníu" kun riĉa regalado de ĉampano, daŭrigo al monaĥejo Montserrat kaj al urbo Valls por tagmanĝo kun tipaj hispanaj manĝaĵoj. Per tio atingiĝis la fino. En la kongresejo en mallonga Ferma Kunsido la IFEF-flago estis transdonita al la aŭstraj kolegoj kaj prezidanto Giessner fermis la 26-an kongreson.

Sabate matene ree "Esperanto-Ekspres-Trajno", kiu jam je la unua kongrestago trafikis de Port Bou al Tarragona, kondukis la pli ol 200 kongresanojn, kiuj aliĝis por la Postkongreso al Barcelona kaj Calella.

*Wa.*

Ilustrita raporto pri la kongreso aperos en venonta numero de BOLETIN.

---

## KIO ESTAS V.E.K. ?

V.E.K. (Veterana Esperantista Klubo) estas internacia organizaĵo, fondita en 1949, kies celo estas: Honorigo de vivantaj frujaraj batalintoj, kiuj restas fidelaj al nia idealo.

Veterano estiĝas ĉiu samideano post kvardekjara esperantistiĝo, kaj Jubileano estas nomata tiu, kiu eklernis la lingvon Esperanto antaŭ kvindek jaroj. La plej malnova membro titoliĝas Dojeno.

Organo: La "Informilo" de Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno (Aŭstrujo).
Jarkunveno okazas ĉiujare ĉe la Universala Kongreso de Esperanto.
Kotizo: Anoj pagas neniun kotizon.

---

Do, se vi jam fariĝis esperantista veterano kaj deziras enskribigi vian nomon en la listo de V.E.K., bonvolu simple skribi al ĝia provizora reprezentanto en Hispanujo, la datojn de via naskiĝo kaj eksesperantistiĝo.

Al la veteranoj kun aktivaj antecedentoj en la Hispana Esperanto-Movado estas petate, ke ili afable sendu, al la ĉi suba adreso, de la V.E.K.-reprezentanto sian biografion kun portreto por ties eventuala publikigo en la eldonata "Kiu, kio estas en la Hispana Esperanto-Movado.

Promesas kvitancon al ĉiu skribinto: V. Hernández Llusera, Avda. Ejército Español, 59. SABADELL (Barcelona).

# KONGRESA REZOLUCIO

*La 26-a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF),* okazinta en Tarragona (Hispanujo) kun 648 partoprenintoj el 17 landoj,

— notas, ke la luktado sur lingva tereno daŭre pli akriĝas kaj ke kelkaj potencoj pli kaj pli intense pligrandigas siajn lingvajn influzonojn,

— konstatas, ke tiaj metodoj kondukas al lingva diskriminacio por sennombraj popoloj kaj minoritatoj, kio kontraŭas la Ĉarton de la Homaj Rajtoj,

— atentigas, ke en medioj de fervojaj administracioj regas sama diskriminacio, ekzemple en ĉiuj internaciaj konferencoj, simpozioj, teknikaj kunvenoj same kiel en internaciaj reglamentoj pro uzo de nur unu aŭ malmultaj "laborlingvoj",

— rekomendas urĝe klopodi, ke helpe de taŭga, neŭtrala lingvo tiu diskriminacio estu evitata en fervojaj kaj sindikataj medioj, kiuj ambaŭ apartenas al progresaj fortoj,

— proponas utiligi por tiu celo la praktike elprovitan internacian lingvon Esperanto,

— petas la fervojajn kompaniojn kaj sindikatojn kiel eble plej baldaŭ kunvoki internacian konferencon, por solvi ĉi tiun ne plu tolereblan staton en la intereso de la fervojaj entreprenoj, klientoj kaj de la fervojistoj mem.

# RESOLUCION DEL KONGRESO

*El 26 kongreso de la Federación Internacional Ferroviaria de Esperanto (IFEF),* que se celebró en Tarragona (España) con 648 participantes de 17 países,

— *observa,* que la lucha en el terreno lingüístico se agudiza constantemente y que algunas potencias siguen imponiendo su influencia lingüística en zonas cada vez más amplias,

— *comprueba,* que esos métodos conducen a una discriminación lingüística en innumerables pueblos y minorías, lo que va en contra de la Carta de los Derechos Humanos,

— *señala,* que en medios ferroviarios administrativos reina la misma discriminación, por ejemplo, en todas las reuniones internacionales —conferencias, simposiums, asambleas técnicas, etc.—, lo mismo que en los reglamentos internacionales por el uso de pocas, cuando no, una sola, "lengua de trabajo",

— *recomienda,* se procure urgentemente, que por medio de una adecuada lengua neutral, esa discriminación se evite en medios ferroviarios y sindicales, ya que ambos pertenecen a fuerzas progresivas,

— *propone,* utilizar para este fin, la lengua internacional Esperanto, ya probada prácticamente,

— *solicita,* de las compañías ferroviarias y sindicatos convoquen lo más pronto posible a una conferencia internacional, para solucionar esta intolerable situación, en interés de las empresas ferroviarias, clientes y de los mismos ferroviarios.



**Gabriel Mora Arana**

*Unu plian fojon, nia kara samideano kaj amiko Gabriel Mora Arana aperas en la paĝoj de BOLETIN kiel premiito; li estas la aŭtoro de la rakonto «LA FIANĈO», per kiu li gajnis la unuan premion en la pasintjara Literatura Konkurso de Fundación ESPERANTO.*

# LA FIANĈO

(Noveleto)

Pri mia amiko Francisko S. mi gardas plej bonajn impresojn, kiuj, de tempo al tempo, helpas min rememori belajn travivaĵojn el la jarduo da kazerna restado. Li kapablis montri sin laŭ konstanta neŝanĝebla simpatio, kaj ankaŭ kun natura seriozeco — se tio estis konvene.

Kiel plej aĝa filo de riĉa bienulo, li estis absoluta heredonto laŭ jura kaj jarcenta kutimo prafamilia. Plurfoje li rakontis al mi, longe kaj detale, interesajn aspektojn pri la antikva deveno de la biendomo, la netaksebla valoro de multaj latine skribitaj dokumentoj, kaj pri kampoj, arbaroj kaj farmejoj.

Kvankam li neniam vantis kaj fanfaronis pri tia kondiĉo de sortoelektita filo, li, per senkonscia teniĝo, evidentigis iomete kelkajn trajtojn vokantajn diskrete lian staton de laŭleĝe estonta riĉulo. Li estis senafekte severmiena kaj altstatura, kaj lia krispa hararo havis blondecon iom rostitan de la suno. Li kapablis iniciati plaĉan konversacion kaj, plue, vigligi kaj disvolvi ĝin, kaj ĝin spici, per agrablaj vortnuancoj kamparaj.

Baldaŭ evidentiĝis ke la junulinoj de tiu malgranda urbo sentis sin feliĉaj altirante al si, prudente, lian amikecon: ili deziris interparoli kaj promeni kun li. Kaj mi ne erarus asertante ke multaj el ili, revis pri amo kaj altranga mastrineco, pensante pri tiu soldato.

Ni kutime ĉeestadis seriozan amuzan societon, kie la pli–malpli bonaj aŭ, simple simpatiaj fraŭlinoj de ni rilatataj, estis, laŭ onidiro, tre bone konsiderataj morale kaj socie. Malgraŭ la kakia uniformo, li estis tiu, kiu pli sukcesis promeni kun ili: sed, verdire, li ne ŝatis donjuani — nek celis flirte amindumi la plej kormolajn. Tamen, li montris ian senpekan arogantecon kiu efike taŭgis por gravigi lin inter la soldataj kunuloj.

Francisko S. havis kuzon nomatan Petro, kiu, malgraŭ kunmilitservi, ne apartenis al nia roto. Evidentiĝis en tiu parenco lia, personeco pretendanta posedi pli superan lertecon ol la simple naturan. Sed per sia karaktero entrudiĝema, li sukcesis trovi ian akceptemon en kelkaj rondoj de la urba junularo, kaj ankaŭ en la sama societo frekventata de ni.

Post du jaroj da soldatservado ni re-enhejmiĝis, kaj nia amikeco daŭris per konvencia korespondado. Sed, pri Petro mi ne interesiĝis.

* * *

Forpasis unu jaro kaj duono de kiam ni adiaŭis la kazernon. Iun tagon oni rakontis al mi interesajn faktojn pri mia amiko Francisko. Jen: ili estas la kerno de tiu ĉi rakonto.

Mi preskaŭ ne povis kredi tion, kion mi aŭdis, ĉar mi neniam supozis ke iam Francisko S. povus agi tiele. Sed, la faktoj estis nediskuteblaj, nedubindaj, laŭ sia propra evidentiĝo.

Jen. Li pretendis la manon de Emma,

bela fraŭlino, sed, nekredeble, bezonante svatulon por ke tiu fidinde esploru, kiel eble plej vere, la financan situacion de ŝia familio, malgraŭ ke, pro eksteraj evidentaj signoj, kaj ĝenerala kono, ĝi estis konsiderata en plej bona mona farto. "Sed... oni ne devas fidi al ŝajnoj", eble li diris al si.

Petro —la jam prezentita Petro!— skribis al konatino sia, sciigante ke lia kuzo Francisko S. bonvole edziĝus je Emma, se li certcerte scius ke ŝi ricevus konsiderindan doton. Kaj, Petro, malgraŭ sia mallerteco prezenti krude la faktojn, i.a. la peton pri kaŝinformado, eĉ ne unu momenton dubis pri diskreteco de sia amikino, rilate la sekretan mision. "Aŭ, almenaŭ, diru al mi, ĉu ŝia familio estas vere riĉa, laŭ la ŝajno", li insiste petis.

Sed estas jam permesite al virino, ke ŝi konfidence konigu sekreton almenaŭ al plej "fidinda" amikino sia, ĉar, malgraŭ tio, la garantio ankoraŭ estas absoluta, preskaŭ senfenda. Bonvolu, do, konstati la rezultaton: Al Francisko, kiu volis aktori malantaŭ kurteno kaj, plie, kovrite per masko de sia kuzo, la kurteno flankentiriĝis kaj, krome, la masko falis de sur la vizaĝo, ĉar post unu horo, ĉiu, kiu antaŭe konadis lin, jam sciis liajn pretendojn kaj procedon, same kiel, ne pli malfrue, la propra Emma sciiĝis pri tiu "ardanta kaj spontanea amo". Oni ja povas senerare supozi pri la ĝenerala ĉikanado.

Tempo mankis, al la amikino de Petro kiu ricevis la peton pri informiĝo, konigi ĉion al Emma, nur gvidate (!) de plej bona intenco averti ŝin pri la fiaj sciodeziroj de Francisko. Supozeble, la preteco naskiĝis, precipe, de la interna malica ĝuo kaŭzi korĉagrenon al ŝi —eble pro envio aŭ ĵaluzo.

Evidente, Emma spertis fortan elreviĝon, sed baldaŭ, antaŭ la evidentiĝo de la faktoj (esti, ŝi, fianĉino kaj edzino de Francisko) kiuj ĝis tiam estis nur vivigataj per blovoj de fantazio, manifestiĝis ĝojo kaj entuziasmo, kun forto de ĉielenlevigaj flugilbatoj. Ho, naivulino!

La patrino ekkoleris kaj monris severan —aŭ ŝajnan— indignon. Post ne longe, ŝi iom trankviliĝis, ĉar ŝi timis ke per senpripensa verdikto, ŝi povus bari vojon favoran al edziniĝo. Tiel, do, ŝi fine volis aranĝi, nekonvinkite, la situacion, dirante: "Mi ne kapablas kredi ke tiu junulo estas agante tiel!".

Kaj ŝi rememorigis, por pravigi sian senbazan kredon, longan sinsekvon da virtoj kiuj iam karakterizis la soldaton.

La patro nur elparolis kvar vortojn, sed per ili li volis indiki nesincere, ke oni ne enmiksu lin en tiun "virinan aferon", ĉar li restos fremda al ĝi. Tiam, en lia menso projekciiĝis filmo de liaj propraj pretendoj kaj ŝatoj de iama fianĉo, kiuj estis siatempe iluziigitaj de la supozata doto de tiu, kiu poste fariĝis lia edzino.

"Ni ne plu parolu pri tia aĉa kaj necerta afero, ĝis ni konkrete scios ion certan", ili konsente dekretis. Sed dum multaj tagoj, eĉ en la supo ĉiutaga estis trovita Francisko.

* * *

Tiujare la somero longiĝis ĝis komenco de oktobro, kvankam la pejzaĝvivo jam ektremis per la unuaj evidentaj simptomoj de tiu lanta kaj glora morto, kiu signifas nur fekundan letargion.

Sed kiam alvenis pluvoj kaj malvarmetaj ventoj, kaj dum la fagaro iom post iom montriĝis pli kaj pli riĉa je delikataj kupraj nuancoj, tiam, oni nepre konsciis pri la jam alvenanta vintro kaj la fino de la plenaera somera ĝuado —kaj de la aŭtuna, tiujare.

Tial, oni deziris plej fervore ke la vetero estu bona dum la kermeso de oktobro. Bonŝance, oni povis ĝui la tuttagan festadon ĉe la montkapeleto de sankta Luko, kiel en mezo de somera reviviĝo. Memvole, Emma ne estus ĉeestinta tie. Tamen ŝi iris akompanate de la kutimaj amikinoj, antaŭsciante ke ŝi, Emma, estos celo de rigardoj kaj temo de flustrado kaj klaĉado; ŝi iris pruvi sian firmecon meze de la neebleco silentigi ĉikanojn kaj blagojn. Kaj, por provi sufoki sian vunditan sentimenton, ŝi tie dancis senlace dum la tuta posttagmezo. Eĉ oni asertis, ke ŝi ricevis aliajn pripensindajn geedziĝproponojn.

* * *

La informo de la "laŭdinda diskretulino" baldaŭ alvenis al la mallerta diplomato Petro. Ĝi tekstis pri efektivaj mono kaj bienoj. Konsekvence, post ne longe, Emma ricevis la "neatenditan" leteron, sed ĝi ne estis subskribita de Francisko, sed... de Petro, la svatanto, kvazaŭ mia amiko estus eĉ granda timemulo nekapabla deklari sian amon skribe.

"Ho, kara rememorata amikino! Jen: kuzo mia, Francisko S., kiu estas tre bonkora, estus preta edziĝi je vi, se vi lin akceptus. Ĉu vi bonvolos, do, serioze prikonsideri lian plej sinceran kaj humilan edziĝpeton?", skribis la peranto, envicigante sennombrajn adjektivojn pri samnombraj virtoj, kvazaŭ tiu Francisko estus, simple, nekonato.

La respondo de la fraŭlino estis favora por lia veno kaj interkonsenta babilado, ĉar malgraŭ ĉio, en la nuno estas peko subteni tro da skrupuloj kaj havi tiom da orgojlo. Oni ne decas malestimi fianĉon tiarangan, kiel estis mia amiko, la ekssoldato kaj riĉa heredonto.

* * *

La mallonga aleo plantita je akacioj, kiu kondukas ĝis la vilao de Emma, montriĝis tute flave tapiŝita de la falinta foliaro. La gepatroj kaj la filino atendadis senpacience, kaj rigardadis tra la sidoĉambra fenestrego, ĉar de tie estas videbla ĉiu alvenanto. La domo troviĝis en plena ordo por tiel impresi favore. Kaj la tri tieaj personoj penadis pravigi sian teniĝon.

"Por mia patrino, kiu tutkore deziras mian feliĉon kaj revas vidi min, kiel eble plej baldaŭ, en pompa nupto, mi akceptos lin, malgraŭ lia agado neplatona, kiu eble ĉiam dubigos min pri lia sincereco." Tiel rezonis enmense la filino.

"Mi bone scias ke ŝi, de longe, intime kaj sekrete, enamiĝis al Francisko, same kiel faris ĉiu junulino kiu konis lin. Ho, jes! Ni devas klopodi kompreni la iluziojn kaj reagojn de la gejunuloj, ĉar ni, la gepatroj, ankaŭ estis junaĝaj; male, mi tuj estus malkonsentinta." Tiel, al si parolis la patrino.

La patro pensis: "Foje, la edza aŭtoritato devas submetiĝi al virina volo, se oni deziras eviti kataklismon. Se estus por la certa bono de mia filino, kaj por la kontento de la patrino, mi eĉ pliigus la doton — se tio estus nepre necesa."

Kaj, fine, jen la atendita momento!

Unue oni vidis ke du viroj preterpasis malantaŭ la krataga heĝo. (Sed, ne estis ankoraŭ eble tra ĝi, ilin koni.) Post dek sekundoj ili jam estos rekoneblaj kaj ĵus alvenintaj antaŭ la krada pordo de la aleo-enirejo. "Ho!, se unu el ili, supozeble, estas Francisko —diris iom ĝenate la filino—, kial li alvenas akompanate? Iu ajn rezonus ke li ne konas la vojon nek la domon, kiun li, iam, plurfoje laŭiris kaj vizitis."

Jen ili. La plumpeta figuro de Petro apudanta al nekonato, estis borita de tri avidaj okulparoj. Ho, konsterniĝo! "Sed, kie estas Francisko? Ĉu vi konas tiun alian viron?", demandis la patrino, indikante la brunan personon kiu aspektis pli ol kvardekaĝa, kaj kiu paŝis iom amble. "Kiu li estas?", la triopo demandis, samtempe, unu la alian.

"Dekmil fulmoj! Aĉ! Mi divenas", interjekciis la patro. "Eble —certe!— li estas la patro de Francisko, kiu venas antaŭ ol la filo, por antaŭ-aranĝi la monaferon, montru sian furmuzelan vizaĝon. Kia aĵaĉo! Se tio estas la vero, mi forpelos ilin per piedbato en la respektivajn pugojn", la patro diris minace, dum la virinoj nerve restis mutaj.

Kiaj angoro, sufero kaj enigmo! Kiel, do, ne venis la fianĉo?

Aŭdiĝis la pordsonorilo. La patrino estis la unua bonvenigi ilin. Ridetante, Petro, salutis etendante sian dekstran manon. "Bonan tagon, gesinjoroj! Kiel vi fartas? Kiel estas al vi?... Bonan tagon, Emma!" (Petro, kaj ankaŭ la akompananto, rigardis ŝin kormole, klinante iom la kapon.)

Kaj Petro pludiris: "Mi havas la plezuron konigi al vi ĉiuj, mian kuzon Francisko S., al kiu tiel bone mi parolis pri vi, kaj kiun vi ankoraŭ persone ne konas... Li estas ankaŭ kuzo, samnoma, de mia kuzo Francisko S., la soldato... Ĉu vi lin memoras?"

"Kiel?", ekkriis terure surprizite la fraŭlino, kovrante sian vizaĝon per ambaŭ manoj. Alian vorton, jam, ŝi ne povis eĉ skande elparoli, ĉar ŝi paliĝis, svenis kaj falis teren.

La patrino, kiu samtempe kun la filino spertis similan surprizon, vidante la svenon de Emma, sentis sin strangolita de ia profunda sufokiĝo, kaj ankaŭ falis sur la pargeton. La pretendanto farse ekkriis: "Mi elkore amas vin, Emma!"

Kiel palisoj, la du ĵus alvenintoj restis idiote starantaj, sen ia plua reago. La sceno estis vere groteska kaj nekomprenebla, tiumomente, por tiuj du egoismaj montaraj viroj, antaŭ tiu neatendita, neimagita, reago. La patro, ekscitite, vokis servistinon por tiel kune helpi la du svenintajn virinojn. Petro kaj lia kuzo ne trafis ankoraŭ

kompreni la fakton, kaj, meze de tiu kompromita situacio, ili komencis cerbumi kaj ŝviti malvarme, abunde. Dummomente, la fiaskinta fianĉo —kiu jam en la pasinteco kelkfoje provis, ĉiam malsukcese, enamigi riĉe dototajn fraŭlinojn— eksentis kapturniĝon, kaj, ŝajne, li perceptis tertremon. "Kie mi troviĝas? Kio okazas? Ĉu mi estas kulpa?"

"Petro: diru al mi! Ĉu vi komprenas la kialon de tio, kion ni vidas, kaj de tio, kio okazas al ni?" Eble tiujn demandojn estus volinta fari la neatendita kaj nekonata Francisko S.

Subite ili vekiĝis konvulsie per la kriegoj kaj forpuŝoj de la furiozanta patro, kiu senkonsidere pelis ilin ĝis la pordo, dirante: "For, for, senhontuloj! Iru trompi la diablon!"

Petro, timoplena, ion kuraĝis demandi por klarigi tiun konfuzaĵon: "Kial, do, vi akceptis nian proponon pri vizito kaj interkonsento?" Sed la patro, kun pli akcentita ekscitiĝo, iom klarigis al ili: "Sciiĝu, monavidaj trompemuloj kaj doto-predistoj, ke ni ne konas, nek volas koni, alian Franciskon S. ol tiun, la soldaton; nek alian kuzon vian, ol tiun saman Franciskon."

* * *

La finon de tiu vera historio, tiel, kiel mi ĵus skize rakontis, mi ne konis ĝis du, aŭ tri, monatoj post la ekscio de la unuaj faktoj, kiuj tiel forte seniluziigis min pri la dececo de Francisko. Kaj ĉar mi, intertempe, konsideris kiel fian la agadon de mia amiko, tial mi spertis grandan amuzon kaj ĝojon koninte la ĝustan veron.

Li, Francisko, estis ĉefrolulo kiu neniam, nek nenion, rolis.

Pseŭdonimo: *Balzac la XX-a.*

---

# XXXIV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Los esperantistas de Valladolid están preparando la celebración del XXXIV Congreso Español de Esperanto, que no dudamos ha de alcanzar un verdadero éxito.

¿Habéis enviado ya vuestra inscripción al Congreso? Pensad en el trabajo que representa la organización, y en que podéis facilitarlo no dejando para última hora vuestra inscripción, ya que hay que preparar alojamiento para todos, cosa no fácil en época de vacaciones.

El Comité Organizador sin duda prepara el programa del Congreso, con el deseo de que nuestra estancia en Valladolid, aparte de fructífera en nuestra labor, sea grata para todos, no les defraudemos y enviad cuanto antes vuestros "aliĝiloj"; estad seguros de que ellos no nos defraudarán con el programa preparado, y, sobre todo, recordad que el Congreso es la reunión anual de los esperantistas españoles, durante la cual se celebra la Junta General de la Federación Española de Esperanto.

*Red.*

---

# 59ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Hamburgo (F. R. Germanujo) de la 27-7 ĝis la 3-8-1974

Sub la Alta Protektado de Dro. Klaus von Dohnanyi, Ministro pri Klerigo kaj Scienco de F.R.G.

Kiel ĉiujare, la Universala Kongreso proponas al la aliĝintoj interesoplenajn tagojn kaj vesperojn, kun bona ekvilibro de laboraj, kulturaj kaj festaj aranĝoj. La definitiva programo laste akceptita de la Estraro de UEA ampleksas preskaŭ precize cent erojn, ekde la Gazetara Konferenco en la antaŭkongresa vendredo ĝis la Solena Fermo.

# HISPANA LIRIKO

*La tradiciaj kanzonoj kaj romancoj hispanaj formas egan trezoron, kies plej profunda radiko venas de la fundo de la Mezepoko.*

*«La plej delikataj floroj», diras la poeto Dámaso Santos, «la plej sorĉaj el la tuta hispana poezio, la plej fajnaj kaj aromaj serĉendas en la kanzonoj de tradicia tipo», dum «en la romancoj noveleskaj, la lingvo ŝajnas atingi la plej penetran koncentritecon, kaj nia retino sensiviĝas per bildoj nete intensaj: la grafo Arnaldos sur la marbordo ekstaze rigardante la mirindan ŝipon, dum la maristo kantas sian magian kanzonon; aŭ la meso, en la ermitejo San Simón, kiu penetriĝas de amo ĉe la alveno de ĉarma knabino; aŭ la tristo de la kaptito, en la printempo, kiam arbalestisto mortigas lian solan ĝojon, ian birdeton, kiu, trilante, heroldis al li ĉiun tagiĝon...».*

Venu ĉe aŭror', amiko.
Venu ĉe aŭror'.
Vi, amiko plej amata,
venu ĉe aŭroro taga.
Vi, amiko mia kora,
venu ĉe la lum' aŭrora.
Venu ĉe aŭroro taga
sed sen iu akompana.
Venu ĉe la lum' aŭrora
sed sen akompano homa.

——o——

Mi ne plukos plu verbenon
en la tago de San-Juan:
ke foriris mia kar'.
Mi ne plukos rosmarenon,
loniceron aŭ jasmenojn,
sed plukados nur ĉagrenon
amaregan sen kompar':
ke foriris mia kar'.

——o——

*Graf' Arnaldos*

Kiu havos tian sorton
ĉe la akvo de la mar',
kian havis graf' Arnaldos
la matenon de San-Juan!
Li eliris por ĉasadi,
portis falkon en la man';
tiam iun barkon vidis
tre proksiman al la land'.
Ĉiaj veloj estis silkaj,
silka estis la ŝnurar',
sur la barko la maristo
diris kanton sen egal',
kiu faris maron glata,
venton ŝanĝis al la kalm',
la fiŝetojn de la fundo
supren tiris al surfac',
kaj la birdojn de l' ĉielo
igis sidi sur la mast'.
Tiam diris graf' Arnaldos,
lian diron aŭdu jam:
—Mi petegas vin, maristo,
min regalu per la kant'.
La maristo lin respondis,

la respondon aŭdu jam:
—Mi ĝin kantas nur al iu
vojaĝanta en la bark'.

*Ermitejo San-Simón*

Tie, en Sevilla, staras
ermitejo San-Simón,
kien ĉiuj sinjorinoj
iras preĝi al Sinjor'.
Tien mia damo iras
—la plej loga, rava flor'—,
portas jupon kun subjupoj
kaj mantilon kun feston';
sur la tre, tre belaj lipoj
portas freŝon, kiel ros';
sur la blanka vizaĝeto
portas iom da kolor',
kaj ĉe la okuloj bluaj,
iom nur da nigra ton'.
Ĉe la pordo ermiteja
ŝi relumas kiel or',
la abato mes-diranta
gapas preskaŭ sen parol',
ankaŭ lia mes-knabo
la respondojn fuŝas tro,
kaj anstataŭ «amen», «amen»,
diras li «amor'», «amor'».



*La prizonulo*

Maje ĝi okazis, maje,
kiam varmas la sezon'
kaj kaniĝas la tritiko
kaj sin levas flor-odor',
kiam kantas najtingalo
kaj respondas oriol',
kiam la amantoj iras
fari servojn al Amor',
sed ne mi, la kompatinda,
kiu sidas en prizon'
kaj ne scias, kiam tagas,
kiam estas nokta hor',
ĉar ne plu birdeto trilas
ĉiufoje ĉe l' aŭror'.
Ĝin mortigis paf-arkisto:
Di' lin punu kun rigor'!

—O—

Tre gracias la knabino
Kiel ĉarma, kiel bela!
Vi mem diru, naviganto,
kiu inter ondoj velas,
ĉu la ŝipoj, ĉu la steloj, ĉu la maroj
tiel belas.
Vi mem diru, kavaliro,
kiu en kiras' duelas,
ĉu armiloj, ĉu militoj, ĉu ĉevaloj
tiel belas.
Vi mem diru, paŝtisteto,
kiu ŝafinaron pelas,
ĉu la montoj, ĉu la gregoj, ĉu la valoj
tiel belas.

(Gil Vicente - 1470-1539.)
Tradukis: *F. de Diego*

*Manuel Ildefonso Llano Merino naskiĝis en Sopeña (Santander), la 23-an de januaro 1898. Liaj verkoj elstaras el inter la plej riĉenhava regiona literaturo de nia «Montaro». José M.ª Pereda estis urba verkisto, kvankam naskita en Polanco, kaj ĉiam skribis el urba vidpunkto kaj zorgis pri vilaĝanoj; tamen, li ankaŭ bone priskribis marajn problemojn kaj tipajn maristojn. Sed Llano estis vilaĝano kaj paŝtisto, kiu ankaŭ ludis ribekon. Eble pro tio lia verkaro konsistas el romanoj, nur kelkaj romanoj, kaj multegaj rakontoj. Rakontoj, kiuj estas solida bazo por koni plej tipajn folkloron, legendojn, mitologiojn de abrupta Cabuérniga. Mortis en Santander la 1-an de januaro 1938, eble «pro doloro de verda tero», kiel li titolis sian lastan verkon.*

## LA VERDA LUPO

Iufoje iris patriarko tra dia vojo. La patriarko vestis tunikon flavan kiel la vizaĝo de Nia Sinjorino, tiu de la sep ponardoj. La vojo estis el sablo blonda kaj sekega pro la suno; la nuboj ŝajnis blankaj ŝtonoj, amasigitaj, kelkaj grandaj, aliaj pli malgrandetaj. Ne aŭdiĝis murmuroj de fontoj, nek de birdoj. La patriarko estis alta kaj maldika kaj havis la barbojn de la koloro de la maizospiko. Horoj kaj horoj de dezerto sen gustumi akvon kaj panon. La malsato estas patrino de tentoj, de malbonaj pensoj, de malbonaj rigardoj. La patriarko estis pura pense kaj spirite, sobra, dolĉa, granda amiko de la iridoj de la Sinjoro, de la miraklo de la steloj brilantaj, de la riveretoj, de la kolomboj, de la spikoj. Sed havis malsaton kaj soifon, kiuj estas kiel okulvitroj, kiuj igas nin vidi la aĵojn de alia maniero, kvankam ni estus bonaj, humilaj, obeemaj; la tintiletoj ŝajnas sonoriloj; la kudrilo, pikilego; la pasero, korvo. Ne povis la patriarko elporti la lacecon de la vojo kaj la urĝon de la bezono. Kiam vesperiĝis, li vidis alproksimiĝi maljunulon kun infano. La maljunulo portis dusakon kaj etan felsakon. Stimulo por la tento de la vojanto de la tuniko flava kiel la vizaĝo de Nia Sinjorino. Forgeso de Dio, de la steloj, de la iridoj, de la spikoj, de la kolomboj. La dusako kaj la felsako pasis de la dorso de la maljunulo al la manoj de la profeto. Avideco de la patriarko al tio kion enhavis la dusako.

La vojanto aŭdis la plendojn de la maljunulo kaj la ploro de la infano kiuj sekvis sian vojon fadenvolvante tian subitan malĝojon kiu estis kiel unu malĝojo pli granda sur la aliaj. La patriarko prepariĝis por manĝi la brunan panon de la dusako kaj por trinki la akvon de la felsako. La suno plu varmigis la sablojn de la stepo, la barbojn de la koloro de la maizospiko, la tunikon larĝan kaj flaveman. La Sinjoro estis vidinta la ŝtelon de la profeto, lia geston, lian kuraĝon. Kaj volis puni lin kiel punas la Sinjoro kiam Li koleras kontraŭ la homoj: kelkajn fojojn per brulaĵo, aliajn fojojn per akvo, aliajn fojojn per leproj, per leonaj dentoj, per vipura piko. La stepo estis soleca; oni vidis nenion en la kvar horizontoj.

Kiam la vojanto malfermis la dusakon, la dezerto komencis tute mallumiĝi. Kiam li dividis peceton el la pano, komencis neĝi. Vibris malproksimaj ululoj kiujn la pilgrimanto estis aŭdinta neniam. La ululoj alproksimiĝis intense, longe, akute. Ektremo timema de la profeto, kiu gardas la panon en la dusakon kaj kuras, tremante de malvarmo kaj de angoro. Baldaŭ ĉirkaŭas lin bestoj nekonataj, malgrasaj, kun la oreloj rigidaj. Li neniam antaŭe vidis tiajn angulecajn kapojn. Dispecigojn de la dusako, de la felsako, de la tuniko. Ili avide manĝas la panon, la viandon fumaĵitan kaj sekan. Poste devoras la homon.

La langoj maljunaj donis emocion al la rakonto; ŝajnis ke oni aŭdas la dentojn, la disŝirojn, la trakeojn. Tiel kreis Dio la lupojn, en tia momento, inter peko kaj neĝo...

Pliaj legendoj, pliaj legendoj de la maljunuletoj, inter tumulto de drelikoj ruĝaj, ruĝbrunaj, bluaj, dum konsumiĝas la oleo de la lampeto. Estas lupoj, kiuj havas en la visceroj nigran ŝtoneton, kiu taŭgas por resanigi la envion, la instinktojn de la ŝtelisto, la negravajn memriproĉojn. Epoko de la reverdiĝo de la kampo, kiam naskiĝas la floro de la kratago, kiam kantas la kukolo

kaj alvenas la hirundoj. En tiu epoko naskiĝas, unu fojon en ĉiu jarcento, verda lupo, pacema, amiko de la homoj, de la brutaroj, de la korthundoj. La unua persono kiu sin trovos antaŭ la verda lupo, ĝuos strangan kontenton, kiu daŭros la tutan vivon. Pliaj turniĝoj de la legendo, vestata per neĝo, per malvarmaj ventoj, per nokto, per fulmobrilo. Fantaziaj legendoj, plenaj de lupoj, de agloj, de merloj. Estas herbo, kiu naskiĝas sub ombro de la filikoj. Herbo kun la koloro de la seka fenkolo, kun blankaj punktetoj. Ekkreskas en la aŭtunoj, en la jaroj kiam septembro faligas kaj fortrenas la pontojn. Kiu trovos tiun herbon kaj ĝin kunportos kaŝita en folio de laŭro, timigos la lupon aŭ faros ĝin obeema, milda kaj bona. Kaj la naiva preĝo de la knaboj en la timema nokto de la monto, kiam timigis nin la arboj, la nekvietaj ombroj de la branĉoj, la sirnioj, la arbustoj kiujn la aero movis; kiam la silkvermetoj ŝajnis al ni etaj okuloj de lupidoj. Kaj la komenco de la nokto en la antikva brutarejo, kiam ludis la litorino por timigi la lupon.

Pliaj legendoj, pliaj legendoj pri lupoj. La brullignaĵo kaj la lumo por timigi ilin, iliajn gvatojn sur la bordoj de la riveroj kaj de la kanaloj, kie la akvo faras pli da bruo, por ke oni ne aŭdu la voĉojn, la kriojn de la kompatindaj vojantoj surprizataj; la lupo, kiu parolis iam en la portiko de la preĝejo por eltrovi la paŝtistojn kiuj mortigis la ŝafinojn kaj kulpigis ĝin; la lupo, amiko de Sankta Francisko; la lupo, kiu estas ĉe la pordoj de la kaŝita palaco de la sorĉistinoj...

El la hispana tradukis
*Juan Azcuénaga*

---

# NEDUBEBLE!

Karlo Mem renkontis iam,
ĉe la pordo de E-klubo,
oldan konatulon sian,
kaj lin tuj ekkaptis dubo.

Post saluto reciproka
li demandis al l'amiko
per parolo milda-moka
(lin ja regis skeptiko):

"Diru do, kara Johano,
ĉu, hazarde, ci fariĝis
fervora verdastelano
kaj al tiu klub' aliĝis?"

"Jes, ci trafis. Efektive
Esperanto min allogas.
Mi ĝin lernis, kaj aktive
la movadon mi apogas."

"Kaj, ĉu ci... parolas flue
tiun lingvon?" "Jes, tutcerte!
Penis mi, ho jes!, unue;
sed jam mi ĝin uzas lerte.

Nur mi diru, ke, cetere,
mi eĉ pensas esperante.
Mi parolas, ho!, sincere.
Ne rigardu min mokante!"

"Ne! Satan' estu l' mokanto!
Tio pruvas, kara mia,
ke la lingvo Esperanto
estas lingv' *interna cia*!"

Alcibiades González Meana

## GRUPO ESPERANTISTA DE ALICANTE

Kiam la medio estas al ni kontentiga, la homo spontane sentas sin puŝita komuniki al la aliaj siajn projektojn, siajn ĝojojn, siajn realigitajn laborojn. Mem pro tio, ĉar la nuna stato de nia Grupo estas bona, ni volas, pere de nia federacia parolilo, diskonigi al la samideanaro skizon pri la konsisto de ties situacio.

Ekde la reorganizado de la Grupo en 1971 daŭras senhalte ĉiujare la klarigoj de elementaj kursoj. Estas vero ke ne ĉiu partopreninto al la klasoj restas aktive fidela al la movado, tio estas normala fenomeno, sed eĉ plej obstinaj pesimistoj nepre agnoskos ke niaj kursoj estas, kiel minimume, plej perfekta maniero diskonigi nian lingvon. Ĉiu kursano restas almenaŭ fervora simpatianto de Esperanto kaj plej oportuna propagandisto.

Kun tiu konvinko, post nia kutima aŭtuna kurso oni anoncis alian por progresintoj, kies klasoj komenciĝis la 23-an de aprilo po tri tagoj ĉiusemajne.

Freŝdate, okazis la ordinara ĝenerala kunveno en kiu estis elektita nova estraro kaj estas plezuro konstati kiel ĝi dissŝutas aktivecon.

La Grupo bone adaptiĝas al la nuna tempo kaj perfekte asimilas la nunajn influojn de modernaj evoluoj, tial elektis kiel prezidanton, membron de ina sekso, aktivan kaj simpatian samideaninon. Jen la nomoj de la respondeculoj:

Prezidantino: F-ino Paquita Sánchez-Mayoral Cabo.
Vicprezidanto: S-ro Rodolfo Canet Marín.
Sekretario: S-ro Manuel López Serna.
Kasisto: S-ro Miguel Manteca López.
Voĉdonantoj: S-ro José Pastor Torregrosa; S-ro Juan Asensi Iseni; D-ro Vicente Pedro Signes.

La nova estraro estas en kontakto kun niaj valenciaj samideanoj por organizi Renkontiĝon, kie estos traktata, inter alie, la eblecon veturi kune al la Kongreso de Valladolid, kaj amplekssigi ilian simpatian gazeteton "Valencia Luno" ĝis ĝi akiros la rangon de regiona esprim-organo.

Ofte vizitas al ni eksterlandaj samideanoj, kiuj pasas tra nia urbo profitante la karesojn de niaj sunradioj kaj la mildecon de la strandoj.

Ĉi-rilate ni profitas ĉi tiun okazon por sciigi al vi ke ĉiu vendredo je la kaf-horo ĉirkaŭ la 4-a posttagmeze okazas niaj amikaj babiladoj kie rondtable oni diskutas, oni kritike revizias nian agadon kaj larĝ-trajte oni faras ĉiajn projektojn.

Ĉiu bonvola samideano landa aŭ eksterlanda deziranta propraokule konstati niajn rendevuojn estos de ni bone akceptata en la sidejo, str. Onésimo Redondo, 23, je la horoj kaj tagoj indikitaj. Plezure li estos invitita trinki sen... drinki.

*M. López Serna*

## SOCIETA FESTO DE CENTRO DE ESPERANTO SABADELL - 1974

Kun granda sukceso nia Centro celebris la nunjaran Societan Feston. Pli ol 170 gesamideanoj kaj simpatiantoj de Esperanto kolektiĝis en la moderna salono de la Hotelo URPI.

Ĉi tiun aranĝon, kiu jam fariĝis tra-




**Parta vidaĵo de la Hotelo Urpi dum la festo.**




S-ro P. Soler Anoncas la "Pubilla Esperanto 1974"

dicia, ni ĉiam koincidigas kun la karnavala sabato, kio donas al la festo specialan etoson, ĉar multaj personoj sin vestas per tre originalaj karnavalaj vestaĵoj.

Krom tio, ĉi tiu jaro la Festo havis apartan sukceson; por la unua fojo estis elektita "Pubilla de Centro de Esperanto Sabadell", (Fraŭlino Esperanto). La decido de la juĝantaro estis favora al nia kunsocietanino F-ino Silvia Martínez. Ekde nun, nia Centro, —do, Esperanto—, estos reprezentata en tiuj popularaj konkursoj, tiel famaj en ĉi tiu regiono, la konataj "Concurs de Pubillas".

Dum la festo oni disdonis diversajn premiojn al la portantoj de la plej allogaj kaj elegantaj karnavalaj kostumoj, inter la aplaŭdado de la ĉeestantaro.

Fama loka orkestro distris la kunvenintojn, kiuj senlace dancis kaj je tre malfrua horo de la nokto reiris hejmen, pensante pri la venonta Festo en 1975.

*Luis Serrano Pérez*

## SEMAJNO PRI INTERNACIA AMIKECO EN VALLADOLID

Kiel ĉiujare nia Esperanta Grupo "Fido kaj Espero" gaje festis la Semajnon pri Internacia Amikeco kun diversaj aranĝoj.

Unue la 22-an februaro, vendredon, je la 20-a horo, multaj samideanoj kunsidis en nia sidejo por aŭskulti esperantajn diskojn, inter aliaj, la amikecan kanton, kiun eĉ kantis kelkaj. En tiu esperanta etoso finis la solenaĵon kun vespermanĝeto aranĝita en apuda ĉambro.

La 23-an alvenis al nia urbo, invititaj de nia Grupo, la tre viglaj kaj konataj samideanoj S-ro Félix Díez Mateo kaj S-ro Benito Calvo, kun kiuj ni kunvenis en nia sidejo. Unue, S-ro Calvo parolis pri amikeco laŭ la antikva Historio, la Biblio, ktp. kaj laŭ la moderna, nuntempo. Li parolis pri la malfacila temo ĉu la virinoj estas kapablaj havi amikecon kun viroj? Poste parolis S-ro Díez Mateo, kiu ankaŭ donis sian opinion pri la amikeco. Kaj fine, por pli bone konstati la opiniojn de ĉiuj ĉeestantoj, parolis unu post alia dirante sian propran opinion.

Je la fino, S-ro Jacinto Urueña, Bibliotekisto lotumis du pakojn da libroj. En tiu simpatia kunveno, ĉiuj adiaŭis niajn Palenciajn samideanojn.

La dimanĉo 24-an, post kiam oni partoprenis Sanktan Meson en Preĝejo "Nia Sinjorino de la Paco", estis aranĝita aperitivo en nia Grupejo, kaj je la 14-a horo, multaj samideanoj kunvenis en frata bankedo en centra restoracio, meze de tre amikeca etoso.

*L. H.*

## VOJAĜO INTERNE DE MIA BIBLIOTEKO

### LA POETOJ

Ni havas kvin grandajn poetojn:

1. Tradukita poezio (el Dante, Petofi kaj aliaj): Kalocsay (Libroj elĉerpitaj).
2. Verda poezio (laŭ Hispana senco): Peneter (Libro elĉerpita).
3. Verda poezio (laŭ Esperanta senco): Dro. Kolomano (Libroj elĉerpitaj).
4. Didaktika poezio: C.E.R. Bumy (Libro elĉerpita).
5. Portreta poezio: K. de K. (Libro elĉerpita).

### LA PROZO

En Esperantujo, la prozistoj, praktike, verkas nek Romanojn, nek Teatraĵojn, nek Sciencajn Librojn...

Pri kio, do, skribas la esperantistaj aŭtoroj? Ili, preskaŭ ekskluzive, skribas pri Esperanto. Tio estas kiel la fiŝo (merluĉeto? merlango? merlangeto? pseŭdomerluĉaĉo? Kiu povas diri kiel nomiĝas la *pescadilla*?), kiel la fiŝo, mi ripetas, kiu mordas sian voston, aŭ la hundo, kiu lekas... sin; aŭ la loligo, kiu kuiriĝas en sia propra "inko"...

La stiloj estas kvar:

1. Peza kaj nekomprenebla. Estas komuna stilo.
2. Malpeza kaj nekomprenebla. Estas ankaŭ komuna.
3. Peza kaj komprenebla. Ankoraŭ komuna.
4. Malpeza kaj komprenebla. Tiu ĉi estas, ve!, ne komuna, sed privata stilo. Kiel montras ĝia nomo, estis uzita, ekskluzive, de Sinjoro Privat (Libroj elĉerpitaj).

### LIBROJ

Inter la dudek milionoj da Esperantistoj ne ekzistas iu analfabeto. Dissemitaj tutmonde, ili ne ĉiam povas paroli inter ili (*). Tial, kompreneble, la libroj devas abundi nepre en Esperantujo.

Devas, jes, sed ili ne abundas.

1) La literaturo Esperanta (tradukita aŭ originala) estas terure malmultenombra.
2) La plejmulto el la libroj estas malgrandaj, malbonaj kaj seninteresaj.
3) Preskaŭ ĉiuj estas absurde tromultekostaj!
4) La eldonoj konsistas el tre malgranda nombro de ekzempleroj.
5) La interesaj (relative) libroj estas... elĉerpitaj.
6) En la librovendejoj ne ekzistas esperantaj libroj!!!
7) Dum la tuta jaro estas malfacila afero aĉeti ilin.
8) Dum la monato Aŭgusto estas absolute neeble. (La Libroservo de UEA estas tiam fermita!)

Bonan nokton!

*José Olavide*

(*) "Oni devas neniam forgesi, ke Esperanto estas, en la 90 % el la okazoj, lingvo nur legata" (WARINGHIEN, en P.I.V. pĝ. XVI).

---

## 47ª KONGRESO DE S. A. T.

Okazonta de la 3ª ĝis la 9ª de aŭgusto 1974 en Bergamo (Italujo)

Informojn petu al: Esperanto EUR-COLLEGE SAN MARCO, Via Statuto, 21. 24100 BERGAMO (Italujo).

## REVUO DE LA REVUOJ

La kriza atmosfero, kiu jam de longe pezas sur nia Movado, montriĝis en sia vera gravo kaj en siaj ŝtormaj konturoj, dank' al la artikolo de s-ro Ivo Lapenna, *UEA en danĝero de malintegriĝo*, aperinta en ESPERANTO, aprilo 1974.

Estas evidente, ke UEA, sub la prezidanteco de s-ro Lapenna, iagrade "*sukcesis konduki la Asocion kaj sekve la tutan neŭtralan Esperanto-movadon el senperspektiva rutino, kelkrilate sur la rando de abismo, al dinamisma, forta organizaĵo kun alte respektata reputacio en la ekstera mondo*".

Estas ankaŭ evidente, ke la Movado ne progresas, kvante aŭ kvalite, kiel ni dezirus, kaj ke kelkaj Landaj Asocioj stagnas meze de la apatio aŭ, eĉ pli bedaŭrinde, regresas kaj ŝrumpas ĝis plena sensignifeco.

Kio aŭ kiu kulpas pri tia stato de la aferoj? La kritikantoj de UEA denuncas precipe la politikan neŭtralecon de la Asocio kaj la personon de ties prezidanto, s-ron Ivo Lapenna. Sed, se la neŭtraleco kulpus, tiam oni devus logike konkludi, ke la neneŭtralaj Esperanto-organizaĵoj (por ekzemplo, SAT, la plej prestiĝa el la 'engaĝiĝintaj' asocioj esperantaj) prosperas kaj konstante kreskas. Ĉu tio respondas al la vero? Ne; efektive, la tendenca SAT (socialisma, komunisma, anarkisma, ktp.) daŭre perdas membrojn kaj influon kaj ĝia futuro, bedaŭrinde, ne prezentiĝas tre brila. Kial la pledantoj por la neneŭtraleco de UEA ne klarigas kiamaniere ian politikan UEA-n ne trafus, eĉ pli rapide, la sorto de SAT? Ĉi-rilate la vortoj de s-ro Lapenna ŝajnas al mi definitivaj: "*...Se tamen iuj nepre volas politikumi per Esperanto aŭ uzi la lingvon por politikaj celoj, kial ne krei apartajn politikajn Esperanto-organizaĵojn, kun kiuj UEA povus eĉ eniri en kontraktajn rilatojn? Neniu povas havi ion ajn kontraŭ tio. Male, ĝi eĉ estus utila. Sed oni ne tuŝu la politikan neŭtralecon de UEA, ĉar progresigi Esperanton ĉie en la mondo kaj en ĉiuj sociaj tavoloj povas nur monda organizaĵo politike neŭtrala*".

Aliflanke, pro diversaj motivoj, estas la figuro mem de s-ro Lapenna, kiun oni plej kritikas kaj kulpigas pro la nuna stato de la Esperanto-movado kaj pro la nekontentiga situacio de nia lingvo en la mondo. Sed, kiam aliaj kuraĝuloj plenaj de, laŭŝajne, belaj iniciativoj kaj efikaj projektoj volis konkurenci kun la 'misgvidata' UEA kaj ties 'obstina' prezidanto, kion ili atingis? S-ro Sekelj skribis iam: *Nia lingvo, nia Movado troviĝas en sakstrato, el kiu ni devas retroveturi por eniri novajn vojojn. Sed samtempe ni modernigu nian veturilon kaj forsendu la malnovan ŝoforon.*

Nu, s-ro Sekelj konsekvence starigis novan mond-organizaĵon kaj klopodis varbi al ĝi la membraron de UEA per sia "moderna" veturilo kaj per siaj brilaj iniciativoj. Kaj, komprenoble, ne la 'malnova ŝoforo', sed li mem okupis la direktistan lokon. Kio rezultis el tio? Nova fiasko, malgraŭ tio, ke, ĉirkaŭ s-ro Sekelj grupiĝis ĉiuj plej akraj kritikantoj de s-ro Lapenna, pretaj iri sur 'la novaj vojoj'.

Kaj tiel statas la afero, kaj tiel prezentiĝas la nuna situacio. Situacio bedaŭrinda, deprima, kies objektiva priskribo fare de s-ro Lapenna certe skuis la konsciencon de multaj esperantistoj, kiuj ĝis nun eĉ ne imagis, ke eblus tiaj intrigoj, fimanovroj kaj ridindaj ambicioj en nia 'kultura' kaj 'humanisma' movado.

Konekse kun ĉi tiu artikolo de s-ro Lapenna, mi devas fari al ĝi korekton. Li diras: "*H. A. de Hoog skribis en DIA REGNO de februaro 1974 rilate alian negativan fenomenon, ke tio montras la mizeran konsiston etikan kaj gramatikan de tiu fronto, kiu, eĉ sen prestiĝo kaj validaj argumentoj, povas tamen plu krei konfuzon inter la nove bakitaj esperantistoj kaj skeptikecon inter la ĝenerala publiko kaj ĉe la respondecaj instancoj oficialaj de diversaj landoj*".

Ne s-ro H. A. de Hoog skribis tiujn vortojn, sed mi mem en BOLETIN de marto-aprilo ĉi-jara. Kaj mi kaptas nun la okazon precizigi, responde al pluraj demandoj, ke ne estis en mia intenco aludi ies "personan" etikon. Mi agus kretene kaj arbitre, juĝante la konkretan personon de s-ro Vilborg, de s-ro Mimó, aŭ de la ceteraj korifeoj kaj epigonoj de la *atismo,* des pli, ke eĉ ne per foto mi konas ilin. Mi havas neniun motivon por dubi, ke ili ĉiuj estas honestaj, dio-timaj, bonkoraj kaj modelaj membroj de siaj respektivaj komunumoj. Tamen, mi opinias etike mizera la *kolektivan* konduton de la respektindaj akademianoj s-roj Vilborg, Stop-Bowitz kaj aliaj, ĉar, kiam en la Akademio de Esperanto la plimulto de la akademianoj libere kaj demokratie voĉdonis kontraŭ la 'atismo', la venkita partio, anstataŭ obei la regulojn de la ludo, fondis ian Liberan Akademian Rondon, kaj poste ian Lingvan Komisionon kun la sola celo ataki la decidon de la Akademio de Esperanto, kies membroj estis kaj ankoraŭ estas la diritaj sinjoroj! La pastro, kiu ne konformiĝas al la doktrino aŭ la principoj de sia religio, kaj ankaŭ ne al la reguloj de sia ordeno, starigitaj de la plimulto, devas, laŭ la plej elementala etiko, forlasi la eklezion, se li obstinas ĝin malkaŝe ataki.

Kiam la akademiano s-ro Vilborg iam sendis senpage, i. a. al *Cosmoglotta* kaj al *Revista di Interlingua* (du gazetoj, kiuj konstante atakas kaj misprezentas nian lingvon) la vidpunktojn de la *atisma* skolo, elmetante la fakton, ke unu sama frazo Esperanta povas havi unu signifon por *atisto* kaj alia por *itisto;* kaj kiam s-ro Vilborg ekskuzis sin, dirante ke "mi pritraktas nenion, kio ne jam estis legebla en aliaj organoj" (*La participa problemo en la Akademio,* paĝoj 102-103), tiam kaj la ago kaj la klarigo de s-ro Vilborg estas same mankaj je etiko kaj eĉ ne pravigeblaj de la vidpunkto de la taktiko *atisma.*

—o—

En LA BRITA ESPERANTISTO, marto-aprilo 1974, s-ro Wensing publikigis la duan, lastan parton de sia artikolo *Quo Vadis Esperanto?* Cetere, mi tute konsentas kun pluraj el liaj vidpunktoj kaj kritikoj. Sed, kiam li proponas solvojn, ili ŝajnas aparteni kelkfoje al la lando de la bonaj, sed neefektivigeblaj deziroj. "*...Analizante niajn metodojn ĝisnunajn, niajn agad-programojn, mi ne povas ne konstati, ke ili montriĝis senefikaj*", li asertas. Sed, ĉu la proponoj de s-ro Wensing havus pli da ŝancoj? Principe li pravas, kiam li diras, por ekzemplo: "*Ni ankaŭ konsciu pri la nepreco de vere fortikaj Landaj Asocioj, en kiuj nur la plej kapablaj, laboremaj kaj kvalifikitaj personoj okupu la estrarajn postenojn kaj planu la agadon. La Landaj Asocioj estas la kerno de nia agado. Laŭeble ili havu minimume unu aŭ du salajritajn oficistojn de grandaj kvalitoj por prizorgi la informadon, varbadon de membroj kaj simpatiantoj-donancantoj kaj por kontakti kun oficialaj instancoj, aŭtoritatuloj kaj la nacilingva gazetaro*".

Kiaj trafaj vortoj! Kiel bele kaj senmanke ili aspektas sur la papero! Sed, kie troviĝas la personoj plej kapablaj kaj laboremaj? Kiuj ili estas? Kiel konvinki ilin, se ili havus liberan tempon, provi funkcii inter 'samideanoj', kiuj ne malofte, anstataŭ helpi la kompetentulon, klopodas faligi lin? Kie troviĝas unu aŭ du oficistoj 'kun grandaj kvalitoj', kaj kie la mono por pagi ilin? Sur la tereno de la praktika vivo, kaj se konsideri la ordinaran psikologion de la homoj, eĉ la plej laŭŝajne simplaj proponoj montriĝas tre malfacile realigeblaj. Ĉu ni do plene rezignu? Ne, tute ne! Ni devas ĉiam kaj ĉiel provadi kaj aktivi. Sed en movado sen financaj rimedoj, sen multaj membroj, sen kontentiga meza nivelo lingva kaj kultura, ĉiaj planoj kaj projektoj de revigligo kaj progreso emas bankroti, eĉ se la estraranon de la movado formas la plej geniaj, plej fervoraj, plej agemaj personoj de la mondo.

Kaj ĝis la proksima revu-rikolto, kun plej koraj salutoj,

*Fernando de Diego*




Jen la ĉijara afiŝo de la Oficiala kaj Internacia Specimena Foiro de Barcelona. Kiel vi povas konstati unu plian fojon ĝi estas eldonita ankaŭ en Esperanto. Ni dankas al la Direkcio de tiu grava Foir-konkurso, ĝian rekonon de la Internacia Lingvo.

## Ni legis por vi...

ESPLOROJ, originala poemaro de Baldur Ragnarsson; ed. Juan Régulo; *Stafeto. Beletraj Kajeroj*. La Laguna. 1972. 112 paĝoj, broŝurita; formato 18 × 12 cm. Prezo: 150 pesetoj.

Estas eksterdube, ke Baldur Ragnarsson rangas inter la kvar aŭ kvin "veraj" poetoj de Esperantujo. Tion li denove pruvas per ĉi tiu fasko da poemoj. Aludante la titolon, Ragnarsson diras, ke "por mi, poezio estas esploro; kaj maniero kapti disfluantan senton por ĝin fiksi en spaco kaj tempo". Mi kredas, ke ĉiuj poetoj, indiferente al la skoloj al kiuj ili apartenas, ne hezitus subskribi tiun difinon. Sed jen, la atentenda vorto estas "la maniero". Ĉiu granda poeto, dank l' al Dio, havas "sian" manieron, kaj ĉi-rilate Ragnarsson posedas manieron profundan, originalan, densan... kaj fridan.

Nenio riproĉindas rilate al la rezultoj de liaj esploroj. Lia intima mondo poezia nin tuŝas per la sentoj, kiuj ĉiam formas la fundon de la vera liriko: konfuza sopiro al senkonturaj foroj:

*...por ĉiam daŭrigi sen ia celo difinita*
*ĉar ĝuste tiu estas la plej bela*
*plej liberiga, sen iu ajn ĉirkaŭstringo.*
*(La celo sen difino)*

la proza pezo de la vivo:

*nekompreneblaj respondoj*
*rigardas nin*
*kiel fermitaj vizaĝoj*
*dum ni dediĉas nin*
*al ĉiam pli detala zorgo*
*pri la egaltempigo*
*de la paŝoj.*
*(Paŝoj)*

la subitaj animleviĝoj:

*Kial ni estis tiel honte senesperaj?*
*(Nova vivo)*

la morto... la morto terura kaj enigma, sed ankaŭ la morto ripoziga kaj konsola:

*la glacio*
*en la signo de fremdeco*
*ekster la apogpunkto*
*kie la valoroj perdis sian akson*
*por kuntrafiĝi en la ekvilibro*
*de la senlimeco*
*(Glacio)*

kaj, kompreneble, la amo... la transcenda am-amoro tiel belege prikantita en *Odo al mia edzino:*

*Centfoje*
*milfoje*
*vi tiel rekreis min*
*per tia deklaro intensa*
*pri fajro en la ĉielo,*
*remuldis min*
*por daŭre maturiĝanta civitaneco*
*en la regno de la revelacioj.*

Laŭ miaj tre subjektivaj sento kaj gusto, mi riskas diri, ke *Glacio* estas eble la plej genia poemo ĝis nun originale verkita en Esperanto.

Sed la poezia virto de Baldur Ragnarsson troviĝas en konstanta batalo kun liaj esprim-rimedoj, kaj li tiel streĉas kaj subtiligas ilin, ke kelkfoje liaj versoj ŝajnas produktoj de komputero. Ili postulas tro la kunlaboron de la inteligento, de la sento kaj de la intuo de la leganto, kaj, kiam oni ne kapablas enprofundigi sin trans la palpeblon de liaj esprimoj, tiam la vortoj, mankaj de koloro, de retorika aŭ ornama intenco, aspektas inerte kaj skeletece. Kiam al intelekta poezio hermete esotera mankas kompensaj valoroj, nome, metafora brilo, kadenco, koloro kaj ekvibro de pasio, tiam tiu poezio riskas perdiĝi en la abismon de la fridaj kaj vakaj enigmoj. Do, se Baldur Ragnarsson metus kelkajn gutojn da vivo 'videbla' en parton de sia poezio, mi firme kredas, ke ĝi atingus eĉ pli altan valoron, almenaŭ rilate la plastikan kaj senperan emocion.

La poeto finas sian "anstataŭ prologon" per la jenaj vortoj: "mi deziras doni, kaj mi devas fidi al la fidiga

fakto de la paraleloj: homoj sentas kaj spertas, ne same, tamen simile, ĉar *homine sunt*".

Kaj al tio mi aldonus, ke, kvankam li pravas, ĉiu homo sidas en persona kaj ekskluziva sento-sfero determinita de tre kompleksaj faktoroj, kaj ke la granda merito de vera poeto konsistas en tio, enrompi en *ĉiun* personan kaj partikularan sentivon. Kaj, kiam mi skribas ĉi tion, alvenas al mi la kara memoro de Federico García...

*F. de Diego*

VOJO KAJ VORTO, poemoj originalaj kaj tradukitaj de Roberto Passos Nogueira. Ed., Juan Régulo: *Stafeto, Beletraj Kajeroj*. La Laguna. 1972. 112 paĝoj; broŝurita; formato 18 × 12 cm. Prezo: 150 pesetoj.

Roberto Passos estas inteligenta, poeto kaj... juna. Ne strange do, ke liaj estetikaj idealoj kolizias kun la *tradicia* poezio, kaj ke, kun la ribelemo propra al inteligenta kaj sentiva junulo, li deklaras sin adepto de la "novaj" formuloj, kvankam ili estas *novaj* jam de 60 jaroj.

Liaj originalaj poemoj respegulas ian kosman angoron, ian ekzaltan pesimismon baze romantikan, same kiel estas funde romantikaj liaj avangarde politikaj poemoj. Necesas la lecionoj de la jaroj por konscii, ke la maljusto, la arbitro, la ambicio kaj la kruelo estas nedeskueblaj konstantoj de la homa naturo; ke la homo ne estas viktima produkto de malbona socio transformenda, sed ke, efektive, la socio kun siaj absurdaj strukturoj fontas senpere el la neraciaj, obskuraj impulsoj de la homo.

La tradukitaj pecoj, same kiel la originalaj, montras tre laŭdindan lingvan senton kaj artan manipuladon de Esperanto kaj prezentas al ni kalejdoskopon el aŭtoroj de tre diversaj stiloj kaj meritoj, sub la ĝenerala epiteto de "modernaj" aŭ "novaj". Por via poezia plaĉo —aŭ malplaĉo— tie defilas i.a. Rafael Alberti, Apollinaire, Bertolt Brecht, E. E. Cummings, Dylan Thomas, T. S. Eliot, García Lorca, Majakovski, Oswald de Andrade, Pablo Neruda, Fernando Pessoa, Ezra Pound, S. Quasimodo, J. Ramón Jiménez... Impona kaj leg-enda procesio...

Ribelema, Passos Nogueira asertas en sia postparolo: "Tamen en Esperanto, tre bedaŭrinde, la akademikismo ankoraŭ tenas fortan rondon de influo kaj rifuzas cedi sian lokon al pli aktualaj orientadoj. La *Parnasa Gvidlibro* kaj ĝiaj adeptoj konsistigas kernon de tiu akademikismo kaj, des pli bedaŭrinde, ordinare estas rigardataj kiel la sola fonto de aŭtoritateco pri poeziaj aferoj".

Ŝajnas al mi, ke Passos Nogueira vidas ion, kio ne ekzistas. Kie kaj kiel manifestiĝas tia supozata necedemo de la akademikismo? Mi opinias, ke *Parnasa Gvidlibro* naskiĝis precipe el pura neceso, ĉar, kiel, sen poetikaj reguloj, oni povus traduki en nian lingvon la egan trezoron de la diverslanda poezio klasika? En poezio, kiel en ĉio, la sola aŭtoritato estas *la talento*, kaj se la nova poezio —eĉ se ne konsideri ke tiu "nova" poezio, grandparte jam tradicia kaj ie tie montranta spurojn de dekadenco kaj kaduko— altiros al si aŭ kreos talentojn pli brilajn ol la nunajn "akademikajn", certe la freŝaj genioj renovigaj ricevos senprokraste la laŭron de la famo kaj de la rekonateco. Tion mi fervore deziras al Passos Nogueira. Talenton sufiĉan li havas. La maturiĝo nepre venos poste. Li nur persistu.

*F. de Diego*

KUN SIASPECA SPICO! Prozaj kaj versas humuroĵajoj de Raymond Schwartz. Ed. Juan Régulo. *Stafeto*. La Laguna. 1971. 216 paĝoj; broŝurita; formato 22 × 15,5 cm. Prezo: 240 pesetoj.

Jen, kolektitaj el diversaj epokoj, granda riĉo humura naskinta el la nebridebla kaj fekunda imago de nia bedaŭrata Schwartz. Kiam ni ridas super la amuzaj paĝoj de ĉi tiu trezora libro, nia rido estas pure Esperanta, ĉar nur Esperanto povas ĝin provoki: ja, ne malgranda privilegio, se ni komparas nin kun la ne esperantistoj, ĉar *Kun siaspeca spico* estas absolute netradukebla al ĉiuj ceteraj lingvoj!

Schwartz estas majstro de la vortoludoj, de la amuzaj latentoj kuŝantaj sub la formala aspekto de la Esperantaj vortoj. Li dissekcas ilin kaj tiel kreas surprizajn, tute novajn asociadojn de ideoj, kiuj, kiel petole grimacantaj koboldoj, piruetas kun nerezistebla ĉarmo antaŭ niaj okuloj. Se la *schwartzismo* havas sian radikon en la pure franca sprito, tamen ĝia manifestiĝo en Esperanto estas profunde originala, ĉar ĝi devas baziĝi sur la semantikaj eblecoj de nia lingvo. Kvankam, kompreneble, Schwartz ne bezonas ĵongli per vortoj por brili kiel inspirita poeto kaj kiel ironia kaj talenta

prozisto. Kion speciale laŭdi el lia libro? Ĉu la versojn de *Intime inter ni*? Ĉu la parton *Duoncento da fraŭlinoj*, kie li, inspirinte sin ĉe la angla *limerick*, lasis neforgeseblajn specimenojn de tiu leĝera ĝenro? Ĉu la 20 kronikojn titolitajn *Laŭ mia ...ridpunkto*, sinsekve aperintajn dum 20 jaroj en *Sennacieca Revuo*? Ne, nenio estas speciale menciinda, ĉar ĉio meritas apartan laŭdon kaj rekomendon. Legu nepre ĉi tiun libron. Kaj kiam vi finos ridi —ĉar bedaŭrinde ĉi tiu libro havas ankaŭ finon— vi eksentos impreson de fiero, ĉar vi konstatos denove kiel viva, kiel elasta, kiel subtila kaj kapabla povas esti nia lingvo, kiam ĝin manipulas majstro, kia estis Schwartz.

*F. de Diego*

LA LANTERNISTO, de H. Sienckiewicz, KAJ ALIAJ PROZAĴOJ, de polaj aŭtoroj. Tradukis Kabe. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoj. Represo de la dua eldono. 208 paĝoj; broŝurita. Formato 19,5 × 14 cm.

Denove ni devas danki al Dansk Esperanto-Forlag ties laŭdindan iniciation eldoni iom post iom la "klasikaĵojn" de nia lingvo. Ĉi-foje venis la vico de *La lanternisto*, kies unua eldono aperis jam en 1905. La libro estas speco de antologio de polaj aŭtoroj —14 entute— kio donas sufiĉan varion de temoj kaj stiloj.

Sed plej interesa estas la lingvo, kiun Kabe uzis: ĉiam klara kaj leĝera, preciza, flua kaj belsona. Legi la libron konsistigas veran ĝuon, kaj tiamaniere logas nin la tradukista talento de Kabe, ke la belo de lia stilo pli ol kompensas la supraĵecon —tamen ne interes-mankan— de multaj el la rakontoj kaj noveletoj, kiuj ŝajnas tro naivaj en nia komplika kaj permesema epoko.

Ĉi tiu tria eldono enhavas ankaŭ la korektojn, kiujn faris sur la dua la literatura komitato de F.L.E. Korekti la tekston mem ne ŝajnas tre eleganta decido; estus pli dece fari komenton per paĝopiedaj notoj kaj lasi la tekston netuŝita, kiel okazas ĉe la klasikaj verkoj en ĉiu nacia lingvo. La "eraroj" kaj arkaismoj montras al studemulo la evoluon de la lingvo, kaj respekti tiajn formojn oni nepre devas.

La libro estas absolute rekomendinda kaj devas okupi preferan lokon sur la bretoj de nia Esperanta biblioteko.

*F. de Diego*

LA BAMBUFLUTO, novelero el Sud-Vjetnamio, de Duong Thi Minh kaj aliaj aŭtoroj. Eldono de Fremdlingva Eldonejo, Hanojo, 1973; broŝurita, ilustrita, 210 paĝoj, formato 13 × 19 cm.

Naŭ rakontoj pri la milito en Vjetnamio laŭ la stilo kaj la enhavo de aliaj literaturaĵoj eldonitaj de Hanojo, kiel, por ekzemplo, *La horloĝisto de Djen Bjen Fu*, *Pro unu bovino*.

La milito vjetnama, konsiderata el la politika vidpunkto de Hanojo, estas naciliberiga movado kontraŭ la ekspluatado far la imperialismo kaj ties lakeoj, kaj tian gvidlinion sekvas la aŭtoroj de la noveloj: progreso kontraŭ reakcio, humaneco kontraŭ kruelo, kuraĝo kontraŭ perfido: la absoluta pozitivo kontraŭ la absoluta negativo. Ĉu vere la vivo havas nur blankon kaj nigron, sen nuancoj de grizo?

Sed malfeliĉe la milito ŝtormas ankoraŭ tra Vjetnamio kaj la senkompromisa fervoro de la batalantoj kaj de la popolo devas nutri sin per tiaj verkoj.

La bona lingvo de ĉi tiu libro en Esperanto ŝuldiĝas al la laboro de anomima(j) tradukinto(j).

*F. de Diego*

LA PAPEROJ DE D-RO ANTE RAMLJAK, kun prologo de Marinko Ĝivoje; esperantigo de poemoj de Emilija Lapenna. Eldono de Internacia Kultura Servo n.° 4, Zagreb, 1973; broŝurita, 80 paĝoj, formato 12 × 16,9 cm.

Okaze de la 58-a Universala Kongreso en Beogrado aperis ĉi tiu verketo kiel omaĝo al viro kun multflankaj interesoj kulturaj kaj sociaj. Ĝenerale okazas, ke la vivo de tiaj homoj estas pli interesa ol iliaj verkoj kaj ĉi tiu regulo ŝajne povas aplikiĝi ankaŭ al d-ro Ramljak. "Advokato, enkarcerigito, partizano, poeto, humoristo, socia investisto kaj esperantisto", laŭ la prologo, d-ro Ramljak konatigas sin al la legantoj per fragmentoj el siaj memoraĵoj, per pluraj poemoj kaj per ekstraktoj el kelkaj siaj libroj, precipe el "Nova konstruo kaj organizo de urboj kaj ŝtatoj". La tuto ne montras d-ron Ramljak kiel homon de profunda scio aŭ de granda originaleco, sed liaj personeco kaj travivaĵoj certe altiros al li la simpation de la leganta publiko

*F. de Diego*




# XXXIV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Valladolid 18 - 22 de Julio de 1974

## PROGRAMA PROVISIONAL

*Día 18*

Recepción de congresistas y distribución de documentaciones en la sede del Grupo Esperantista —Dos de Mayo, 4—.

18,— h. Reunión de H.E.J.S. —Salón Parroquial de San Andrés—.
"Interkona vespero" —Sala "Pax", Plaza de España—.

23,— h. Baile juvenil con elección de "Fraŭlino Esperanto".

*Día 19*

10,— h. Misa en Esperanto —Iglesia de Ntra. Sra. de la Paz, Plaza España—.
12,— h. Solemne inauguración del Congreso (Sala Borja).
16,— h. Reunión de la Directiva de la Federación Española de Esperanto con los Delegados de Grupos —Caja de Ahorros Popular—.
18,— h. Reunión de Secciones y de K.E.H.A. —Caja de Ahorros Popular—.
19,— h. Reunión informativa sobre U.E.A.
20,— h. Conferencia en Esperanto —Caja de Ahorros Provincial—.
22,— h. Concierto —Patio Herreriano—.

*Día 20*

9,— h. Visita turística a la ciudad —Salida del Grupo Esperantista—.
12,30 h. Recepción Oficial en el Ayuntamiento.
17,— h. Exámenes —Grupo Esperantista—.
20,— h. Conferencia en español —Caja de Ahorros Provincial—.

*Día 21*

Excursión de todo el día a Salamanca, con fiesta Campera —Salida Grupo Esperantista—.

*Día 22*

9,— h. Visita a fábricas —Posiblemente: Helios, Uña y Cruz Balnca—.
17,— h. Junta General de la Federación Española de Esperanto.
20,— h. Solemne Clausura del Congreso —Sala Sindical—.
22,— h. Banquete Oficial en el Hotel Olid Meliá.

*Día 23*

Excursión de postcongreso, "Ruta Juan de Austria".

---

Para más informes e inscripciones, dirigirse a:
XXXIV Congreso Español de Esperanto. Dos de Mayo, 4. VALLADOLID.

TIP C BOLOIX -REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63